# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

33a jaro Januaro-Februaro 1981 N-ro 1






SPECIALAJ POŜTEJO KAJ STAMPO EN LA 33a IFEF-KONGRESO

En la kongresejo de la 33a IFEF-kongreso deĵoros speciala poŝtoficejo. Ĝi stampos ĉiujn tie forsenditajn poŝtaĵojn per speciala stampilo, kiun ni jen prezentas al vi.

Krome estos ricevebla en la kongresejo specialkoverto, kiu portos la kongresemblemon en koloro. Do, ankaŭ laŭ filatela vidpunkto fariĝos interesa kongreso.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved.
Redaktoro:
Guy Delaquaize, 52, rue L.-Gandillet, F-78420 Carriéres/Seine.
Bankkonto: Provinsbanken, Konto 7353-350550, DK-9800 Hjørring.

# 33a KONGRESO DE LA INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO (IFEF) EN REGENSBURG (FR Germanujo)

## 15a – 21a de Majo




Kongresadreso:
33a IFEF-kongreso, Wiener Str. 121,
D-6000 Frankfurt (M) 70
Tel (0611) 65 73 65

Kongresejo:
Kolpinghaus St. Erhard,
Adolph-Kolpingstr.1, D-8400 Regensburg

Aliĝo

Aliĝiloj estas haveblaj per la landaj sekcioj de IFEF aŭ per la kongresadreso. La aliĝilo estu sendata al la peranto de la landa sekcio aŭ al kongresadreso. Samtempe oni ĝiru minimume la kongreskotizon al Wilhelm Grass, Sonderkonto, Sachsenstr. 7, D-8620 Lichtenfels, poŝtĉekkonto n-ro 240 001-855. Postscheckamt Nürnberg, Bankleitzahl 760 100 85. LKK konfirmas la aliĝon kaj sendos la kongreskarton, kies prezento post la alveno en la kongresejo permesas la elliveron de la kongresdokumentoj.

Kongreskotizoj

Ĝis la 31a de Januaro 1981 (alveno de la mono) validas la sekvaj kongreskotizoj en germanaj markoj (DM):

| | |
|---|---|
| - IFEF-membroj (fervojistoj, pensiuloj) | 62,00 DM |
| - familianoj kaj junuloj (malpli ol 20 jaraj) | 31,00 DM |
| - aliaj kongresanoj | 75,00 DM |
| - simpatiuloj (ili ricevos la kongresmaterialon) | 20,00 DM |

Ekde la 1-a de Februaro 1981 la kongreskotizoj altiĝos escepte por simpatiuloj, nome al 92,00 DM por IFEF-anoj, 46,00 DM por familianoj/junuloj kaj 99,00 por aliaj kongresanoj.



**La tririvera urbo Passaŭ - unu el la ekskursaj celoj.**

# RADIOAMATORA SENDSTACIO

## EN LA 33a IFEF-KONGRESO EN REGENSBURG

En la 33a IFEF-kongreso okazos la unuan fojon, ke en la kongresejo laboros kurtonda stacio de la FIRAC-radioamatoroj, aŭdebla en la tuta mondo. FIRAC = Federacio Internacia de Radioamatoroj Fervojistaj. Tio estas la rezulto de sukcesplena kunlaboro inter FIRAC kaj IFEF.

Antaŭvideble 10 FIRAC-membroj, kiuj same estas esperantistoj, el Danio, Francio, Germanio kaj Svedio, deĵoros laŭplane en tiu sendilo, kaj nome ĉefe en Esperanto, sed ankaŭ en angla, franca kaj germana lingvoj.

La voksignon DL D BC kaj la laborilaron disponigos la FIRAC-klubstacio Regensburg en la fervoja Sociala Organizo. Speciala konfirmkarto por radiokonektoj estas en preparo.

La sendstacio kun multzona dipolanteno forradios ĉirkaŭ 500 vattojn en alta frekvenco, tiel ke antaŭvideble ĉiuj kontinentoj bone povos esti atingataj. Planitaj estas radio-konektoj ankaŭ al Novzelando kaj Aŭstralio.

Car la Esperanto-radioamatoroj jam nun regule dum semajnfinoj renkontiĝas per certaj kurtondaj frekvencoj, la kongresstacio uzos tiujn samajn frekvencojn. Estas antaŭviditaj de la 15a ĝis la 21a de Majo 1981 ĉiutage jenaj laborhoroj (laŭ "Universala Tempo UT = Greenwich-tempo) kaj jenaj frekvencoj (ŝanĝoj rezervitaj):

| laborhoro | frekvenco |
|---|---|
| 15.00 - 16.00 UT | 28 666 KHc |
| 16.00 - 17.00 UT | 21 266 KHc |
| 17.00 - 18.00 UT | 14 266 KHc |
| 18.00 - 19.00 UT | 7 066 KHc |

(en Regensburg, kiam en Majo estos somera tempo, ekzemple 15.00 - 16.00 UT = 17.00 - 18.00 loka tempo).

Estos sendataj i.a. la plej novaj informoj same kiel ekstraktoj el la kongresbultenoj. Interesitaj kongresanoj rajtas persone ĉeesti en la sendstacio dum la sendado.

LKK Regensburg



# TAGORDOJ POR LA KUNSIDOJ DE LA 33a IFEF-KONGRESO

Kunsido Estraro/Komitato (nepublika)

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Elekto de ĉefkomitatano
3. Honorigoj
4. Diskuto kongresproponoj
5. Diskuto budĝeto 1982
6. Situacio en diversaj landoj
7. Diskuto pri venontaj kongreslandoj
8. Eksteraj rilatoj
9. Eventualaĵoj

Plenkunsido en 2 partoj (publikaj)

1. Malfermo, konstato de mandatoj
2. Ricevitaj telegramoj, leteroj k.s.
3. Eventuala diskonigo de gravaĵoj el la nepublika kunsido
4. Raportoj estraraj
   4.1 de sekretario
   4.2 de redaktoro
   4.3 de kasisto
5. Protokolo America
6. Raporto pri la komitata laboro
7. Resumo pri raportoj landaj asocioj
8. Raportoj de komisionoj resp. komisiitoj
   8.1 Terminara komisiono
   8.2 Fakprelega komisiono
   8.3 Historio-komisiono
   8.4 Koresponda servo
   8.5 Komitatano A de UEA
9. Laborplano - stato de plenumo
10. Rilatoj al aliaj organizoj
    10.1 UEA
    10.2 FISAIC
    10.3 Radio-amatoroj
    10.4 Eŭropa Fervojista Asocio (AEC)
11. Resumo pri situacio en diversaj landoj
12. Kongresproponoj
13. Budĝeto 1982 kaj kotizkonfirmo

14. Elekto de revizoroj
15. Venontaj kongresoj
    15.1 Elekto de loko por 1982
    15.2 Elekto de lando por 1983
    15.3 Diskuto pri postaj ebloj
16. Internacia Skisemajno 1982
17. Libera diskutado

Tagordo por la kunsido de la Historio-Komisiono

1. Raporto de la gvidanto
2. Farotaĵoj en 1981/82
3. Diskutado

Tagordo por la kunsido de la Fakprelega Komisiono

1. Aktualaĵoj el via lando
   Estas nova punkto kaj nova ideo.
   Kolegoj diverslandaj informas per prelegetoj kaj respondas eventualajn demandantojn.
2. F K-statutoj kaj laboro estontece
3. Raporto pri la pasinta laborperiodo
4. Kunlaborantoj kaj prelegotemoj por la 34a kaj 35a kongresoj
5. A. Elekto de komisiongvidanto
   B. Elekto de komisionsekretario
6. Libera diskuto

Gunnar Thuesen
gvidanto

Tagordo por la kunsido de la Terminara Komisiono

Ne ricevita ĝis hodiaŭ.

Kompilis ĉefkomitatano
Lucien de Sutter

KONGRESPROPONOJ POR LA 33a IFEF-KONGRESO

La ĉefkomitatano ricevis neniun kongresproponon por la 33a IFEF-Kongreso en Regensburg.

La ĉefkomitatano
Lucien de Sutter

## RAPORTO DE LA KASISTO POR LA JARO 1980

| Enspezoj: | | Elspezoj: | |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 34772,20 | Internacia Fervojisto | 24765,03 |
| Rentumoj | 634,65 | Estraraj kunsidoj | 2396,00 |
| Junulara fonduso | 243,15 | Administrado | 3007,99 |
| | | Reprezentado | 913,86 |
| | | Kotizoj UEA kaj SAT | 469,67 |
| | | Insignoj | 1202,90 |
| | | Deskribo inventaro | 1062,53 |
| | | Junulara fonduso | 243,15 |
| | | Historio fonduso | 1000,00 |
| | | Diversaĵoj | 466,87 |
| | 35650,00 | | 35528,00 |
| | | Plienspezoj | 122,00 |
| | 35650,00 | | 35650,00 |

## BILANCO JE LA 31a DE DECEMBRO 1980

| Aktivoj: | | Pasivoj: | |
|---|---|---|---|
| Kaso | 857,15 | Kongresa garant.fond. | 11162,27 |
| Poŝtĝiro | 3867,06 | Junulara fonduso | 912,70 |
| Bankkontoj | 27530,54 | Historio fonduso | 1000,00 |
| Inventaro | 4250,12 | Havaĵo 1.1.1980 23307,90 | |
| | | Havaĵpliigo 122,00 | |
| | | Havaĵo 31.12.1980 | 23429,90 |
| | 36504,87 | | 36504,87 |

Tolne la 30.1. 1981

La kasisto: [signature]

Århus la 3/1 1981

La revizoroj: [signatures]

## MEMBROSTATO

| Lando | 1980 | 1979 | Lando | 1980 | 1979 |
|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio | 72 | 202 | Hungario | 141 | 201 |
| Belgio | 50 | 50 | Italio | 119 | 133 |
| Britio | | 33 | Japanio | 21 | 21 |
| Bulgario | 32 | 20 | Jugoslavio | 60 | 60 |
| Ceĥoslovakio | 60 | 60 | Nederlando | 61 | 60 |
| Danio | 65 | 75 | Norvegio | 94 | 50 |
| Finnlando | 20 | 29 | Pollando | 17 | 20 |
| Francio | 121 | 403 | Svedio | 132 | 140 |
| Germanio | 817 | 821 | Svisio | 74 | 79 |
| Hispanio | 182 | 146 | | | |




# 33a KONGRESO DE IFEF

15a-21a de Majo 1981

LASTAJ INFORMOJ

## Adreso

Ekde la 13a ĝis la 21a de Majo 1981 la adreso estos: 33a IFEF-Kongreso, Kolping-haus, Adolph-Kolping-Strasse 1, D-8400 Regensburg. La telefona numero de la kongresa giĉeto estos aparte komunikata kun la sendota kongreskarto.

## Informejo

En la ĉefstacidomo de Regensburg funkcios informejo dum la sekvaj tagoj kaj horoj:

15a de Majo 8.00 - 22.00 h.
16a de Majo 8.00 - 12.30 h.

Tie la alvenantoj povas ricevi nur informojn. Por kongresdokumentoj kaj eventuala loĝigo bv. turnu vin nur al la giĉetoj en la kongresejo.



Regensburg
Katedralo kaj urbokerno

## Monŝanĝo

Monŝanĝo estos ebla verŝajne nur en la urbaj bankoj kaj nur dum la oficialaj deĵorhoroj, sekve ne dum sabato kaj dimanĉo. Estas rekomendinde ŝanĝi valutojn laŭeble jam antaŭ la ekveturo.

## Poŝto

Merkredon la 20an de Majo funkcios en la kongresejo speciala giĉeto de la poŝto, kiu vendas poŝtmarkojn kaj uzas specialan kongresstampon. En la kongresejo oni vendas ankaŭ specialajn kovertojn kun la kongresemblemo kaj kongresstampo.

Loka Kongresa Komitato
de la 33a IFEF-Kongreso
Wiener Strasse 121
D-6000 Frankfurt (M) 70

# 33a KONGRESO DE IFEF 15a - 21a de Majo 1981

## EKSKURSOJ

Regensburg, alloga urbo de la tiujara internacia fervojista kongreso, estis prezentita en antaŭaj artikoloj. Al la abunda programo dum la kongreso apartenos ankaŭ tri ekskursoj, parte per aŭtobuso, parte per ŝipo. Pri ili temas la sekvaj alineoj.

EKSKURSO A
Dimanĉon, la 17an de Majo

Forveturo je la 13.30 h. per aŭtobusoj. Nur kelkajn kilometrojn for de la urbo Regensburg, videbla jam de malproksime, leviĝas grekstila templo nomita Walhalla, kiu laŭ la ekstera aspekto ne kongruas kun la tiea regiono. Inter la jaroj 1830 kaj 1842 la bavara reĝo Ludoviko la unua konstruis tiun honoran halon. Pli ol 100 marmoraj bustoj kaj memortabuloj de famaj germanaj viroj kaj virinoj troviĝas tie. De la supro oni havas belegan rigardon al la valo de la riverego Danubo. Orienten la aŭtobusoj daŭrigos sian vojon. Celo en la Bavara Arbaro estas la vilaĝo Falkenstein, 628 m super la marnivelo. En restoracio kuko kaj kafo atendas la ekskursantojn. La sekva tempo estas je libervola dispono. Pitoreska naturparko kun siaj gigantaj rokoj invitas al trankvilaj promenoj. Sur montkonuso el granito staras romantika fortikaĵo, kies origino datiĝas el la 11a jarcento. Starante sur ĝia belfrido la vizitanto ĝuas mirindan elrigardon sur la arbokovritajn altaĵojn de la Bavara Arbaro.

Al naĝemuloj ofertas sin krome novkonstruita hejtebla naĝejo. Sed ne restu tro longe, ĉar la aŭtobusoj signalas al la veturo reen, kiu finiĝos je la 18a h.

EKSKURSO B
Mardon, la 19an de Majo

La aŭtobusa ekskurso komenciĝas jam frumatene je la 8a h. Post veturado de preskaŭ du horoj, ĉiam laŭlonge de la riverego Danubo en monteta pejzaĝo la fama urbo Passaŭ akceptas la kongresanojn. La situo de la urbo estas markita per tri tie kuniĝantaj riveroj. Tiu faktoro instigis jam la Keltojn ekloĝi tie 450 jarojn a.Kr. La invadintaj Romanoj starigis tie la kastelon Castra Batavia. El la posta nomo Batavis fariĝis Bazzava kaj fine la nuna Passaŭ. Dum la kristanisma periodo la dieceza distrikto ampleksis la tutan aŭstri-hungarian regionon. Passaŭ fariĝis en la mezepoko riĉa komerca urbo.

Post granda incendio la urbokerno estas rekonstruita grandparte en baroka stilo. En la katedralo, kiun la kongresanoj unue vizitas, troviĝas la plej granda orgeno de la mondo; verŝajne oni ludos ĝin ekskluzive por la esperantistoj. Se la tempo sufiĉas, estas rekomendinde propravole promeni tra la malnova kvartalo aŭ laŭlonge de la rivero Inn aŭ supren al la fortikaĵo Oberhaus. Proksime al la urbodomo atendas ekstra ŝipo por veturado dum la sekvaj 5 horoj. La ŝipo forlasas la teritorion de la FR Germanio, tial necesas kunporti la per-

sonan legitimilon aŭ pasporton. Survoje estas videblaj ĉarmaj aŭstriaj lokoj, ekz. Oberzell kun kastelo el la 15a jarcento aŭ la aŭstra-germana elektra centrejo kun kluzo apud Jochenstein.

Sur la ŝipo la ekskursantoj prenas komunan tagmanĝon. Sen albordiĝi la ŝipo turniĝos en Engelhartzell, kie troviĝas monaĥejo el la 13a jarcento, kaj reveturos al Passaŭ. Menciinde estas, ke laŭ internacia kutimo sur la ŝipo estas okazo por aĉeti sen impostoj prezfavorajn varojn. La aŭtobusoj atingas Regensburg antaŭ la 19a h.

EKSKURSO C
Ĵaŭdon, la 21an de Majo.

La ekskurso okazos la lastan kongrestagon. Matene la aŭtobusoj veturas ĝis la ŝipstacio de la mezepoka urbeto Kelheim. Jam je la 10a h. ekstra ŝipo prenas sian vojon de duona horo tra unika rivervalo, la t.n. Danuba fendobreĉo. Tute proksimen al la ŝipo ŝovas sin krudaj rokoj kun skurilaj nomoj, ekz. ŝtoniĝinta virgulino aŭ tri malamikaj fratoj. Celo estas la monaĥejo Weltenburg, fondita jam en la 7a jarcento, kun ĝia fama preĝejo en baroka stilo.

Rekomendinda estas ankaŭ la tie produktita monaĥeja biero. Reveninte denove per la ŝipo ni admiras en Kelheim pitoreskajn turojn kaj domojn kun pintaj frontonoj.

Post la komuna tagmanĝo la aŭtobusoj grimpos al la proksima monto, kie leviĝas la ronda templo Liberiga Halo. Ankaŭ tiu templo memore al la venko kontraŭ Napoleono stariĝis inter 1842 kaj 1863 dum la epoko de la bavara regno Ludoviko la unua. De tie reveturos la aŭtobusoj rekte al Regensburg, kie la kongreso oficiale fermiĝos.

Ĉiuj kongresanoj ricevos en Regensburg prospektojn kun aldonitaj tekstoj en Esperanto pri Regensburg, Falkenstein, Passaŭ kaj Kelheim krome horarojn kaj indikojn pri la ekskursoj. Bv. kunporti ankaŭ tiujn priskribojn.

---

# ANONCETO

La redaktoro havas amikon, kiu kolektas "Internaciajn Respondkuponojn" (malnovajn aŭ novajn, el ĉiuj landoj).

Al tiuj, kiuj povus sendi kelkajn al mi, mi estus tre dankema kaj kompensos laŭ interkonsento.

Redaktoro Delaquaize.

# KALENDARO

## PRI LA JARKUNVENOJ DE LA IFEF-SEKCIOJ EN 1981

unuaj informoj ricevitaj sekve de la alvoko
de la redaktoro en IF 6/80 - paĝo 95.

SVISLANDO (SAEF) - ĝenerala kunveno en BERN
dimanĉon 22/2 - 14.30
kunvenejo: instrukcio-ĉambro n. 150 en la kapkonstruaĵo de la stacidomo Bern.

S-ino Eggenberger - Talackerstr. 106
CH 8404 Winterthur.

DANIO (DEFA) - Ĝenerala kunveno okazos sabate 4an de aprilo en FREDERICIA (100 km norde de la dan/germana limo ĉe Padborg) lige al la Dana Esperanto Jarkongreso 3a-5a de aprilo, kiun DEFA kunaranĝas.

FRANCIO (FFEA) - ĝenerala kunveno en COLLEVILLE-sur-mer (ĉe la maniko) - sabaton 19. - dimanĉon 20. de septembro.

FFEA - 1 bis, rue d'Athénes - F 75008 Paris

---

## HUNGARAJ FERVOJISTOJ TRANOKTIS EN JUNULARGASTEJO

En julio 1980 grupo de 13 hungaraj fervojistoj kaj familianoj vojaĝis al Anglujo, tien tra Germanio, reen tra Francio. Ĉar ili survoje volis rigardi la faman urbon Köln, ili antaŭe demandis la UEA-delegitojn por fervojo kaj turismo en la proksimeco de Köln pri prezindaj tranokteblecoj. La delegitoj konsilis al ili, prizorgi por ĉiu vojaĝanto legitimilojn por junulargastejoj kaj antaŭmendi litojn por la antaŭvidita nokto ĉe la junulargastejo. La hungaroj sufiĉe frue sekvis tiun konsilon kaj povis tranokti kaj matenmanĝi por 9 germanaj markoj anstataŭ por minimume 30 en hotelo. La delegitoj akceptis la kolegojn kaj montris al ili la urbon Köln.

Laŭ la kondiĉoj por junulargastejoj ĉiu gasto devas posedi legitimilon, kiu validas en Eŭropo. Ankaŭ plenkreskuloj kun legitimiloj povas tranokti en junulargastejoj, se ĝis la 18-a horo ne jam estas okupataj ĉiuj ĉambroj de junuloj aŭ familioj. Dum la somero kaj en ofte vizitataj junulargastejoj estas necese, tre frue antaŭe skribe aliĝi kaj atendi la respondon aŭ konfirmon. Kutime oni ne rajtas resti pli ol 3 noktojn en la sama junulargastejo. Listoj pri la junulargastejoj estas haveblaj en ĉiu lando.

Schindler.

# EL NIAJ LANDAJ SEKCIOJ

BULGARIO Per la lingvo de la amikeco Esperanto

La 12-14an de julio en urbo Plovdiv okazis la 40a jubilea kongreso de BEA. Ĝin partoprenis pli ol 2300 delegitoj kaj membroj de la asocio kaj multaj eksterlandaj gastoj. Ĉeestis pli ol 60 fervojistoj esperantistoj.

En la lasta kongresa tago la Fervojista Sekcio ĉe BEA organizis kunvenon pri diskuto de diversaj problemoj en la Fervojista Esperanto movado en Bulgario. La kunvenon partoprenis kiel gastoj s-ro Giessner - prezidanto de IFEF - kaj s-ino Kruse - la ĝisnuna longjara sekretariino de IFEF, nun honora membro de IFEF.

La 17an de Julio en la centra fervojista kulturdomo en Sofio estis aranĝita renkontiĝo de la estraroj de la du fervojistaj Esp.-societoj en Sofio: "Prospero" kaj "Hristo Botev" kaj reprezentantoj de la distrikta kaj urba komitatoj de BEA.

Estis invitataj esperantistaj veteranoj kaj aktivuloj. Karaj gastoj estis denove s-ro Giessner kaj s-ino Kruse. Ĉefa temo de la renkontiĝo estis la iniciatoj pri la solena celebro de 1300 jaroj de Bulgara Ŝtato.

Estis esprimita opinio pri la estonta traduko de la germana Esperanto-vortaro (fervojista kaj teknika terminologio) en Bulgaran lingvon.

Al s-ro Giessner kaj al s-ino Kruse estis donacitaj la libroj "G. Dimitrov" pri la fervojistaj laboristoj kaj "Apostolo de libereco" de angla verkistino Mac Dermott, tradukita de N. Aleksiev.

V. Stajner

ITALIO Esperantisto en la regionoj frapitaj de la tertremo.

Nia membro troviĝas jam en la suda parto de Italio (precize en la Potenca-Provinco) frapita de la terura tertremo de dimanĉo la 23an de novembro 1980.

La samideano (kiu ne deziras esti nomata) gvidas sendependan grupon de volontuloj kun ŝarĝaŭtoj por tuja agado favore al la frapitoj de la katastrofa tertremo.

La grupo konsistas el pluraj ekipaĵoj, inter kiuj maŝinoj por produkti elektran forton, medikamentoj, nutraĵoj, vestaĵoj kaj manĝaĵoj, kune kun ankaŭ rulantaj domoj. Ĝin organizis la urbo Forli kaj agas en la komunumo de San Fele.

NORVEGIO La enkonduko de la signoklarigoj en "Rutebok for Norge" - la norvega horarlibro.

Mi forte apelacias, ke oni amase sendos gratulojn al Norvega Ŝtata Fervojo - NSB - kiu - tion mi certigas - alte taksas ĉi tiujn. Tiamaniere vi konfirmas kiel utila kaj grava ĉi tiu enkonduko estas. Sendu la gratulojn/salutojn al mi, ĉar, kune kun traduko norveglingva, mi transsendos ilin al NSB.

Odd Kolbrek, Kaldbakkstubben 22, N - Oslo 9, Norvegio.

## PRI NIAJ ĈEĤOSLOVAKAJ KOLEGOJ

Atingis nin letero de s-ro Jaroslav Kašparec, Praha, en kiu li sciigas, ke Ĉeha Esperanto-Asocio lin nomumis prezidanto de la Fervojista Sekcio de ĈEA (la antaŭa prezidanto demisiis en aŭtuno 1980 pro familiaj kaŭzoj).

Atingis nin letero de Ĉeĥoslovaka Fervojista Esperanto-Federacio (ĈS FEF), laŭ kiu la 6an de dec. 1980 ili reorganizis kaj kompletigis sian komitaton (estraron). Ili celas reorganizi la landan sekcion de IFEF. Prezidanto estas Miloslav Blažek.

IFEF-estraro

# LIBERA TRIBUNO

La artikoleton en "Heroldo", menciitan de J.G. sur paĝo 2 de IF nro 6/1980, ankaŭ mi jam legis, mi opinias en la franca "Fervojisto."

La subskribinto (-ino se mi bone rememoras) estis por mi, kvankam sekretario de LKK de nia 32a, nekonata nomo; tio signifas ke ŝi ne partoprenis la kongreson en America (kondiĉe ke ŝi ne verkis la artikoleton sub pseŭdonimo!)

Sed tamen oni povas signaligi la fenomenon! Mi povas diri, ke mi vizitis multajn internaciajn kongresojn kaj aliajn kunvenojn, sed mi opinias, ke la fenomeno en America ne estis pli signifa ol dum antaŭaj kongresoj. Ĉar kio okazas? Samlandanoj (-lingvanoj) ofte grupiĝas kaj en tiu okazo ili parolas la komunan gepatran lingvon. Ĉu strange? Kompreneble ne, ĉar Esperanto ne estiĝis kiel interkomprenilo inter samlingvanoj!

La (ĉefa) problemo ne estas, ke la "krokodilantoj" estas komencantoj aŭ balbutantoj aŭ timemaj homoj, sed ke ili restas en la propra nacia rondo anstataŭ intermiksiĝi inter la eksterlandaj geamikoj, kio estus pli interesa kaj kio estus pli bona por la lingvouzado. Do tion la spertuloj instigu al la novuloj! Krome mi tamen konstatis dum la lastaj jaroj alian problemon: en kelkaj landoj, kaj mi ne hezitas nomi Jugoslavion kaj Hispanion, kiel ekzemplon, estas homoj, kiuj partoprenas niajn kongresojn nur pro turismaj celoj. Ili ĝuas pro la prizorgado de la programeroj, de la turismaj ekskursoj eble eĉ pro la amika sfero, sed ligon kun Esperanto ili tute ne havas. Ili ĉiam estas kune kaj laŭte kaj multe babilas sen-ĝene en la nacia lingvo.

Tio estas problemo eĉ ne facile solvebla!

Wim van Leeuwen

# NEKROLOGOJ

ITALIO

GIUSEPPINA GAMBERINI-BILLI



Nia kara sinjorino Gamberini forlasis nin la 26an de novembro 1980 en Bologna.

Ŝi esperantistiĝis en la jaro 1952 kaj instruis Esperanton dum pli ol 25 jaroj en Bologna kaj en la ĉirkaŭaĵoj.

Ŝi instruis Esperanton en ĉiuj medioj: en lernejoj, en kulturaj institucioj kaj kluboj, eĉ en la lokoj de ŝiaj ferioj kaj en ŝia hejmo. Tial ni povas aserti, ke la nuna Bologna esperantistaro konsistas plej parte el lernantoj de s-ino Gamberini.

Ŝia aktivado en la Esperanto-Grupo "Achille Tellini" kaj en ĉiuj Esperanto-organizaĵoj estis senlaca kaj ĉiam fruktodona.

Ankaŭ internacie ŝi, kune kun la edzo, nia kara Kavaliro Alfredo Gamberini, estas tre konata. Ili partoprenis en pluraj internaciaj kongresoj de UEA kaj de la fervojistoj kaj estas la plej konataj partoprenantoj de la naciaj kongresoj de Esperanto. Plurfoje ili gastigis eksterlandajn geamikojn.

Ŝi estis membro de IIE (Itala Instituto de Esperanto) kaj dum longaj jaroj vic-delegito de UEA en Bologna, kaj aktivadis en katolika kaj fervojista medioj kaj en ILEI (Internacia Ligo de la Esperanto-Instruistoj).

Kvankam pli ol 85jaraĝa (ŝi naskiĝis en Faenza la 6an de aprilo 1895) ŝi estis vigla ĝis laste, kiam, komence de junio, ŝi gvidis en Bologna la Esperantajn ekzamenojn. Nur nekuracebla malsano fermis ŝian grandaniman koron.

Al la edzo kaj al la genevoj ni sendas sincerajn kondolencojn.

Ŝi ripozu en paco!

IFEF/IFEA

\- - - - - - -

ĈEĤOSLOVAKIO

Jenaj kolegoj forlasis nin:

trajngvidanto Josef Halda el Praha, esperantistiĝis en 1966,

lokomotivestro Jan Mikulica el Starovičky, esperantistiĝis en 1968.

\- - - - - - -

# INSTIGO POR NOVA JARO

Metu forte la kuraĝon vian
ĉe la sojlo de la juna jaro.
Havu aktivecon energian,
ke kronata estu via faro.

Ĉiam vian novan forton pesu,
inkluzivu ĝin en via rondo,
kaj neniam la esenco ĉesu,
kiu formu vin en nia mondo.

Laŭsence tradukis
Arthur Benders

o - o - o - o - o - o

# OFICIALA KOMUNIKO DE LA AKADEMIO

MALAPROBO DE REFORMOJ

LA AKADEMIO de Esperanto notas kun forta malaprobo diversajn proponojn, inter si malsimilajn, ŝanĝi aŭ modifi la ortografion de Esperanto.

La Akedemio konstatas, ke neniu ortografia ŝanĝo estas necesa aŭ dezirinda, aŭ en ligo kun modernaj presmaŝinoj aŭ komputmaŝinoj, por kiuj ĝia ortografio estas tiel sama oportuna kiel la ortografioj de aliaj lingvoj, aŭ pro ia ajn alia motivigo.

La ortografio de Esperanto estas integra parto de la historio kaj kulturo de tiu lingvo kaj konformiĝas perfekte al la karaktero de la lingvo. Iu ajn ortografia ŝanĝo nur kompromitus la lingvon kaj ties tradicion.

Pro tio la Akademio de Esperanto konfirmas, ke la sola alfabeto de Esperanto estas tiu de la Fundamenta Gramatiko, al kiu aldoniĝas samloke jena rimarko: "Presejoj, kiuj ne posedas la literojn ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ, povas anstataŭ ili uzi ch, gh, hh, jh, sh, u".

Oktobro 1980

Prezidanto: W. Auld
Sekretario: D-ro A. Goodheir

# PENSEROJ

Diplomato estas homo, kiu malkaŝe diras tion, kion li ne pensas.

Amo estas kiel morbilo (infanmalsano)! Ju pli malfrue oni estas atakita de ĝi, des pli grandaj fariĝos la komplikaĵoj.

Esti bona al aliaj, estas la plej bona por vi mem.

Kiu laboras faras erarojn,
kiu multe laboras faras pli da eraroj,
nur kiu nenion faras, ne bezonas fari erarojn.

Kiu ridas el plena animo
ne povas havi malbonan konsciencon.

Potencon oni povas akiri pere de scio,
sed al perfekteco oni venos nur pere de amo.

La publika opinio estas aĉa maljunulo,
oni lasu ŝin klaĉi.

Konsolon donas la ĉielo,
de la homoj oni atendas helpon.

Kompilis kaj tradukis:
Elfriede Kruse

## Gravaj enhavaĵoj


| | paĝo |
|---|---|
| 33a IFEF-kongreso | 3-10 |
| Tagordoj | 5 |
| Raporto de la kasisto | 7 |


La redaktofino por la venonta IF estas 10.3.81.

